


# INTERNACIA FERVOJISTO

2007.4/5




Vizito de la fervoja prov-centro en Vitry-sur-Seine

*La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn*



# Ekde nun rezervu la datojn

# por ĉeesti la venontan IFEF-kongreson

# okazontan en Poznano (Pollando)

# de la 17-a ĝis la 24-a de majo 2008.

# Sekvos postkongreso

***Petu informojn kaj aliĝilojn ĉe***

***landaj asocioj***

**Frontpaĝe.**

Dum la kongreso, kadre de la Faka Komisiono, la invititaj fakuloj vizitis la fervojan prov-centron en Vitry-sur-Seine.

Pli ol cent spertuloj, inĝenieroj, teknikistoj de tiu agentejo partoprenis en la realigo de la monda rekordo de 578,4 km/h.

## Enhavo

# Nia venonta 60-a IFEF-kongreso en Pollando

*En la lasta kongreso en Parizo, estis decidite ke la venonta kongreso okazos en Poznano (Pollando). Jam pripensu la provizoran programon.*

***Vendredon 16.05.08***
13.00 Informejo, akceptejo

***Sabaton 17.05.08***
08.00 Akceptejo, informejo
14.00 Gazetara konferenco
16.00 Kunsido de IFEF-estraro kaj LKK
20.00 Interkona vespero

***Dimanĉon 17.05.08***
08.00 Akceptejo, informejo, libroservo
09.30 Solena malfermo
12.00 komuna fotado
14.00 Promenado tra urbocentro de Poznano al Malta-lago
14.00 Faka komisiono
18.00 Ekumena Diservo
20.00 Nacia vespero

***Lundon 19.05.08***
08.00 Informejo, libroservo
09.00 Komitata kunveno ne publika
13.30 Trajna ekskurso al Wolsztyn per vaporlokomotivo

***Mardon 20.05.08***
08.00 Informejo, libroservo
09.00 Plenkunsido publika
13.30 Faka komisiono
16.00 Prezentado de la venonta 61-a IFK
19.00 Kultura vespero

***Merkredon 21.05.08***
08.30 Tuttaga ekskurso tra Lednica, Gniezno al Biskupun kaj Venezia (muzeo de etŝpura fer vojoj) laŭ Piast-reĝa intinero

***Jaŭdon 22.05.08***
08.00 Informejo, libroservo
09.00 Fakaj prelegoj
14.00 Ekskurso al kastelo Kórnik kaj palaco en Rogalin
20.00 Bankedo kaj internacia balo

***Vendredon 23.05.08***
08.00 Informejo, libroservo
09.00 Movadaj aferoj
10.00 Faka komisiono
15.00 Solena fermo de la 60-a kongreso
20.00 Adiaŭa vespero

***Sabaton 24.05.08***
Hejmenveturado aŭ forveturo al postkongreso



# Trarigardo de nia 59-a IFEF-kongreso okazinta en Parizo

Post lastjara kongreso de la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF), okazinta la unuan fojon ekster Eŭropo en Ĉinio, la Franca Fervojista Esperanto-Asocio (Franca landa asocio de IFEF) gastigis ĉijare la 59-an kongreson. Nia asocio de fervojistoj, fondita en 1909 kaj aliĝinta al UEA en 1953, celas disvastigi kaj apliki Esperanton en la fervojaj administracioj kaj en la fervojistaj medioj kaj rondoj.

La kongreso okazis de la 12-a ĝis la 19-a de majo 2007 en Parizo. Tio okazis en Francio por la kvina fojo. Post Parizo (1951), Avignon 1959, Perpignan 1988 kaj Le Mans 1999, ĉijare denove organizis kongreson la francaj entreprenemaj fervojistaj samideanoj, kiuj multe klopodis por prepari riĉenhavan programon, kiu certe kontentigis eĉ la plej postulemajn atendojn.

Permesu al mi mencii, ke pro la tro granda sukceso de la kongreso rilate la nombron de partoprenantoj, la LKK-anoj estis devigataj loĝigi la malfruajn aliĝintojn en hotelo ekster la kongresejo. Entute aliĝis 271 partoprenantoj el 24 landoj, manko estis, ke aliĝintoj el Niĝerio (3) kaj Kongo DR (1) ne povis veni pro ne ricevo de vizoj.



Kaj nun sinsekve pri la pli gravaj programeroj:

*Sabate la 12-an de majo,* post veno kaj enloĝiĝo de pli multaj partoprenantoj, okazis la Interkona vespero okazinta en la trinkejo de la kongresejo, kiu nomiĝas *Centre International de Séjour de Paris*. Plimulto de la kongresanoj partoprenis ĝin.



*Teatraĵo dum la interkona vespero*

Dum la vespero kelkaj membroj de FFEA estis honorigitaj per medalo de UAICF, kaj la ĉeĥa entreprenisto, d-ro Petro Chrdle (komitatano A de UEA) transdonis diplomon de ILEI al gesinjoroj Martin (Francio) por ilia sukceso en la unuagrada ekzameno trapasita en Dobřichovice (CZ).

Dum la vespero, s-ino Josée Lafosse vekis bonhumoron kaj vigligis la distran parton; pluraj ĉeestantoj kantis,

deklamis aŭ aktoris por la plezuro de ĉiuj.

*Dimanĉe* je la 8.30 komenciĝis serioza laboro por la reprezentantoj de terminologia kaj fakaplika sekcioj de la Teknika Komisiono. Sub gvidado de Jan Niemann (Danio), de Heinz Hoffmann (Germanio) kaj Ladislav Kovář (Ĉeĥio), la fakuloj laboris por prepari la venontajn fakprelegojn kaj aliajn teknikajn aferojn.

Je la 10-a matene, en la salono Teatro (Kongresejo) okazis solena oficiala mal-



fermo de la kongreso. La prezidantino de LKK, Sylviane Lafargue, komence bonvenigis la ĉeestantojn kaj deziris al ĉiuj agrablan restadon en Parizo, bedaŭrante la neĉeeston de nia Honora Prezidanto de FFEA Pierre Robiolle pro malsano de lia edzino. Sekvis alparoloj de oficialaj gastoj, kiuj esprimis siajn dezirojn pri la disvolviĝo de sociaj agadoj ĉefe por la kreskado de Esperanto-parolantoj.

Vortigis tiusence Sylvain Brière, responsulo de la Centra Entreprena Komitato ĉe la fervojo, sinjorino Rosalinde Taücher por UIC (Unuiĝo Internacia de la Fervojoj), s-ro Tschanz kiel reprezentanto de FISAIC (Internacia Federacio de la Fervojoj pri Artaj kaj Kulturaj Aferoj), d-ro Renato Corsetti, prezidanto de UEA, s-ro Barković pro SAT, s-ro Jean-Christophe Zaleski-Zamenhof, la nepo de L.L.Zamenhof, Bruno Flochon, prezidanto de UFE (Unuiĝo Franca por Esperanto) kaj Hubert Peyrouty kiel reprezentanto de SAT-Amikaro.

Dum mallongaj paŭzoj en la oficiala aranĝo, la fervoja blovorkestro "Harmonie du Chemin de Fer du Nord", por la plezuro de la kongresanoj, trifoje muzikis.



*Jean-Christophe Zalesky-Zamenhof*

Poste, d-ro Romano Bolognesi, prezidanto de IFEF, post dankoj al la partoprenantoj kaj eminentuloj, alparolis la kunsidantojn reliefante la gravan agadon de la du elstaraj instancoj: Internacia Unuiĝo de la Fervojoj (Union Internationale des Chemins de Fer – UIC), kun kiu IFEF aktive kunlaboras en la kadro de "Rail Lexic" kaj tiu Internacia Federacio de Kulturflegantaj Fervojistoj (Fédération Internationale des Sociétés Artistiques et Intellectuelles des Cheminots – FISAIC).

Dum la salutvortoj (gvidataj de la ĉefkomitatano Jindřich Tomíšek) la reprezentantoj de la partoprenantaj landaj asocioj de IFEF sinsekve salutis kaj alparolis la kongresanojn.

La konkludon faris la prezidanto Romano Bolognesi, kiu ankaŭ honorigis du membrojn Pierre Robiolle (Francio) kaj Per Johann Krogstie (Norvegio) kiel Honoraj Membroj de IFEF kaj Georges Wallerand kaj Nathalie Bayard (ambaŭ Francio) ricevis Honoran diplomon de IFEF.

Fine de la inaŭguro, d-ro Romano Bolognesi, deklaris la kongreson malfermita. Post La Espero, la himno de Esperanto, okazis komuna fotado antaŭ la kongresejo.

Dimanĉe posttagmeze, la kongresanoj vizitis la ĉarman vilaĝeton "Montmartre". Pere de surstrata trajneto tirata de eta dizellokomotivo, oni veturis ĝis la supro, kie staras la



baziliko “Sacré Coeur” (Sankta Koro), unu el la plej famaj monumentoj en Parizo. Je la 16.30 horo la interesiĝantoj en malsupra parto de la baziliko ĉeestis la ekumenan ceremonion.

Dimanĉe vespere, je la 20.30 horo, en kadro de la Nacia vespero, oni ĝuis danco-spektaklon el la regiono “Auvergne” fare de la danco-grupo “Lou capelou” (La ĉapelo). Sekvis la grupo “Kimbe Raid” (Estu forta), kies dancistoj, bele vestitaj, dank’ al aliaj dancoj, profesie transportis nin en la antiljan etoson.

*Lunde, la 14-an* antaŭtagmeze laboris la landaj delegitoj kaj observantoj ene de la nepublika komitatkunsido, kie oni traktis diversajn punktojn pri pluevoluo de la Federacio. La komitatanoj vigle diskutis precipe pri kongresproponoj, budĝeto kaj venontaj kongresoj.

Posttagmeze, kvar aŭtobusoj veturigis la partoprenantojn al la baseno “l’ Arsenal”, de kie oni per boato navigis ĝis “La Villette” tra kelkaj kluzoj.

Vespere, okazis la tradicia bankedo kaj balo kun muziko kaj dancado.

***Marde, antaŭtagmeze,*** okazis en la salono “Teatro” Publika plenkunsido. Post nombrado de la komitatanoj, oni legis salutmesaĝojn kaj leterojn ricevitajn, sekvis memorhonorigo de la mortintaj membroj de IFEF per unuminuta silento. Poste, oni pritraktis kaj aprobis la raportojn de la estraranoj, aperigitajn en la IFEF-revuo “Internacia Fervojisto”. Ĉiuj raportoj estis unuanime aprobitaj.

La komitatanoj, post diskutado kaj eta modifo, aprobis la kongresproponon prezentitan de DEFA (landa asocio de Danio), kiu aperis en IF 2007.2. Ĝi rilatas al la punkto 4, ĉapitro VIII de la IFEF-statuto.

La ĉefkomitatano Jindřich Tomíšek kun tri helpantoj, poste gvidis elekton de la estraranoj de IFEF por 3-jara periodo. Estis reelektitaj: D-ro Romano Bolognesi kiel prezidanto, inĝ. István Gulyás Vp, sinjorino Marica Brletić Sk, Laurent Vignaud kasisto kaj Jean Ripoche redaktoro de la revuo Internacia Fervojisto.

Por la jaro 2008, Pollando sin deklaris preta aranĝi la kongreson en Poznano; por 2009 sin proponis Italio en la urbo Trieste, kie oni festos la centjaran jubileon de IFEF. La komitatanoj voĉdonis favore al la du proponoj.

Marde posttagmeze, la invititaj fakuloj vizitis la Fervojan teknikan centron de provoj en Vitry-sur-Seine. La responsulo de tiu organizo post bonvenigo kun helpo de projekciataj bildoj, sciigis al la ĉeestantoj la rolon de tiu ĉi laboratorio. Ĝi konsistas el realigo de diversaj



*“Galerio de la Speguloj”.*

provo-servoj por SNCF (Francaj Ŝtataj Fervojoj) sed ankaŭ por la privataj societoj francaj kaj eksterlandaj. Sekvis vizito de la diversaj laborejoj, en kiuj estis preparita kaj realigita monda rapido-rekordo de la trajno SNCF – 574,8 km/h.

Indas mencio, ke dum la tuta semajno de la 9.00 ĝis 19.00 horoj, eblis viziti senpage la trajnon de la rekordo sur la rivero Sejno en Parizo, proksime de la Ejfel-turo. Sur la rivera pontono oni povis viziti trajnkapon kaj la laboratorian vagonon el la rekordo-trajno. Oni krome senpage ricevis memoraĵojn, ekzemple ĉapon kaj flageton memorigantajn la mondan trajnrekordon!

Marde vespere, okazis interesa prelego, ĉefe diaporame, dum kiu Bruno Robineau transportis la partoprenantojn sur la vojoj al Kompostelo – Santiago de Kompostelo en nordokcidenta Hispanio, kun akompano de proks. 800 bildoj.

Merkrede, okazis kiel kutime tuttaga ekskurso. Per komfortaj klimatizitaj aŭtobusoj oni veturis al la famkonata kastelo de la Suno-Reĝo en Versailles (Versaj), kiu dum pli ol unu jarcento estis la politika ĉefurbo de Francio. Oni vizitis la kastelon, admiris belegajn salonojn, ĉefe tiun longan kaj grandegan nomatan "Galerio de la Speguloj". Posttagmeze oni vizitis la parkon "France miniature". Tie, sur kvin hektaroj oni povis spekti pli ol 150 pejzaĝojn kun pli ol 130 miniaturaj konstruaĵoj – vilaĝoj, kasteloj, preĝejoj, havenoj, kun diversaj trakciantaj trajnetoj. Tiu ĉi vizito permesis al ni malkovri la konojn de la popolo, de la franca nacio, per la lokoj kaj la monumentoj atestantaj Historion de Francio.

Ĵaŭdo estis dediĉita al fakprelegoj. Gvidataj de Jan Niemann kaj Ladislav Kovář (Danio, Ĉeĥio) oni en plenplena salono sinsekve aŭskultis kaj spektis:

"Malfermo de nova linio por rapidaj trajnoj al Oriento" fare de Jean Ripoche (Francio)

"Komando-sistemo por ekspluatado ERTMS" de Michel Lafosse (Francio)

"Evoluo de rapido ĉe fervojo" de André Mirc (Francio)

"Kvinjara projekto en Bretonio", de Jean Mével (Francio).

Posttagmeze sekvis la prelegoj kun temoj:

"Stacidoma portiko forŝovita" de Heinz Hoffmann (Germanio)

"Nova biletsistemo ĉe DSB" de Jan Niemann (Danio)

"Protektado kontraŭ korodo de ŝtalpontoj" de D. Teodorescu (Rumanio)

"Oficiala formo de financa statistiko de UIC" de Zlatko Hinŝt (Kroatio)

"Italaj vagonaroj" de Vito Tornillo (Italio)

"Modernigo de la energiprovizaj instalaĵoj en la elektrocentraloj" de Golea (Rumanio)



*Monto Sankta Mikaelo en la parko de France Miniature"*

"Problemoj de trakcirkvitoj kaj interoperabilito (intersistema uzeblo)" de Ladislav Kovář (Ĉeĥio)

"Historia skizo pri rumanaj fervojoj ĝis 1990" de Emil Tudorache (Rumanio).

Ĵaŭde posttagmeze, krome, okazis



*Jomo la kantisto*

programero "Prezentado de la venonta IFEF-kongreso", en kiu inĝ. Wieslaw Libner (prezidanto de la Pola landa asocio de IFEF) anoncis organizon de la venonta 60-a IFEF-kongreso en la pola urbo Poznań. Li prezentis la urbajn vidindaĵojn kaj respondis al diversaj demandoj pri la enurba trafiko, pri la lokalizo de la kongresejo, de la diversaj hoteloj k.t.p. Postkongreson oni planas aranĝi en du urboj kun la plej multaj ZEOj en Pollando kaj en la mondo – Bialystoko kaj Malborko.

Ĵaŭde posttagmeze, krome, okazis la evento "Movadaj aferoj", gvidata de Pr Romano Bolognesi. La partoprenantoj laŭdezire parolis diversteme – precipe pri disvastigo de Esperanto en la E-movado kaj ĉe la fervojistoj. Kelkaj parolantoj substrekis la neceson trovi novajn rimedojn por allogi la junularon. Aliaj ĉeestantoj reliefigis la nunan modon ŝanĝi profesiajn postenojn ĉiun 4-5 jaron. Tio ne kondukas al pliprofundigo de la rilatoj inter la kunlaborantoj kaj kreskigas individualecon. La diskutado ankaŭ temis pri la neceso, ekde kelkaj jaroj, akiri scipovon de du lingvoj en Hungario por sekvi la altstudojn en tiu ĉi mezeŭropa lando. Ĝis nun 6000 studentoj sukcese trapasis la E-ekzamenon, sed poste, nur kelkaj eniris la movadon.

Ĵaŭde vespere, en la salono Teatro okazis tre interesa distra programo, dum kiu Jean Marc Leclerq – nomata JoMo – bonhumore kaj gaje, tre efike distris la spektantojn, kantante en 25 lingvoj, kio estas la monda rekordo pri koncerto multlingva. Kompreneble li multe kantis ankaŭ en Esperanto kaj la kongresanoj ĝuis agrablajn momentojn kuniĝante sian voĉon al tiu de la kantisto.

Vendrede, ankoraŭ denove laboris la fakuloj en la Faka Komisiono. Multaj uloj, krome, vizitis la "rekordan TGV trajnon", starante pormomente aŭ rigardante filmprezentadon, kiu montris la trajnveturadon dum la rekorda veturo.

Posttagmeze okazis solena fermo de la kongreso. Post parolado de la Pr Bolognesi kaj post dankvortoj al la LKK-anoj, la prezidantino de LKK, Sylviane Lafargue enmanigis la Kongresan flagon – la IFEF-simbolon - al Wieslaw Libner kaj al la reprezentantino de la pola FISAIC-sekcio "Kolejarz" – sinjorino Maria Ogonowska.




*Sylviane Lafargue transdonas la kongresan flagon al Wiescaw Libner*

**Certe, venontjare en Pollando, ni ĝuos tre bone organizatan – jubilean 60-an IFEF-Kongreson!**

*Jindřich Tomíšek,*
*ĉefkomitatano de IFEF*

# Salutvortoj de la Prezidanto dum la solena malfermo de la 59-a IFEF-kongreso Parizo (13/05/2007)

**Estimataj Eminentaj Gastoj!**

**Bravaj organizantoj!**

**Karaj Kongresanoj!**

**Samideanoj kaj Kolegoj!**



Ĝoje mi bonvenigas vin en la IFEF-Kongreso de la jaro 2007. Estas tre grave ke la franca asocio jam la kvinan fojon organizas nian pintan manifestacion. Post la 3-a ĝuste en Parizo en la fora 1951, tra Avignon 1969, Perpignan 1988, Le Mans 1999, jen denove ĝi estas ĉi tie.

La belega, nobla ĉefurbo Parizo, kuŝanta en tre ĉarma, riĉa regiono ĉe la rivero Sejno, estas de ĉiam tre grava pro riĉaj kaj multfacetaj vivaferoj kaj ankaŭ pri la internacia esperantista agado. Decidinte pri ĝi, certe oni bone elektis, ĉar ĝi ĉiam allogas kaj fascinas homojn el la tuta mondo.

En gastiganta Francio, en la granda ĉefurbo, en kiu vivas rimarkinda parto de la loĝantoj de la lando, antaŭ nelonge okazis grava politika evento kun tre larĝa partopreno kaj baldaŭ aliaj sekvos. Kvankam verŝajne estas malfacilaĵoj pro gravaj diferencoj inter la diversaj eblecoj kaj vivniveloj de la popolo, oni povas percepti, preskaŭ palpi, kiel ĝenerale la francaj civitanoj travivas la organizajn paŝojn, kiuj montras, ke ĉi tie demokratia vivo estas tre funde enradikata.

Pri nia restado, la bona kongreseja organizo, la afabla akceptado, certe kontentigos ĉiajn atendojn. Dum la venontaj tagoj eblos esplori multajn historiajn, kulturajn kaj naturajn trezorojn. Ni certe ĝue vivos la diversajn eventojn en ĉi-tiu ĉarma regiono dum niaj vizitoj, same kiel iuj el ni jam faris kaj faros dum la postkongreso aŭ en aliaj landopartoj.

Lige al niaj kongresaj laboroj, ni nepre devas ankaŭ memori, ke estas bonŝanco, ke en Parizo lokiĝas la sidejoj de du organizoj, aparte gravaj por ni fervojistaj esperantistoj.

Unu el ili nomiĝas Internacia Unuiĝo de la Fervojoj (*Union Internationale des Chemins de fer = UIC*), kun kiu IFEF aktive kunlaboras cele al internaciigo, raciigo, uniformigo de la fervoja terminologio, per ties tradukado kaj difinado. Esperanto estas unu el la 20 lingvoj de la projekto “Rail-Lexic”.

Ĉi-jare, unuafoje, la monda Unio honorigas nian internacian manifestacion per oficiala reprezentado. Ni varme dankas pro la ĉeesto, ĉar tio montras, ke en UIC oni taksas la laboron de niaj spertuloj tre serioza kaj utila.

La alia nomiĝas Internacia Federacio de Kulturflegantaj Fervojistoj (*Fédération Internationale des Sociétés Artistiques et Intellectuelles de Cheminots = FISAIC*), sub kies patronado okazas niaj kongresoj kaj ĉe ties landaj sekcioj agadas niaj naciaj asocioj. Niaj jaraj kongresoj daŭre enviciĝas en la

kalendaro de la internaciaj manifestacioj kiel la plej oftaj kaj regulaj.

Ĉi-rilate, fiere oni ne devas forgesi, ke estis ĉefe danke al la internaciaj kontaktoj de la esperantistoj, unue francaj, germanaj kaj svisaj, ke FISAIC fondiĝis en la jaro 1952-a. Pli poste, per siaj daŭraj kontaktoj, multfoje la esperantistoj grave rolis por aliĝo de novaj landaj sekcioj, precipe kiam ekzistis malfacilaj rilateblecoj pro ideologiaj kaj politikaj kaŭzoj.

Kun ĝojo mi memoras la vortojn de itala FISAIC kulturkonsilanto, kiam ankoraŭ staris la "fera kurteno", kiu diris kun admiro, ke por ni esperantistoj neniam ekzistas oriento kaj okcidento, sudo kaj nordo; fakte por ni homo unue estas homo, nur poste, kiel hazardaĵo, venas lia ŝtata aparteno.

Ni kore dankas al iliaj reprezentantoj, kiuj honorigis nin per afabla ĉeesto, kaj ni bondeziras, konfidas por ke nia kunlaborado donu eĉ pli fruktodonajn rezultojn.

Nur aludante mallonge al nia jam preskaŭ jarcenta historio, ni devas memori, ke la francaj fervojistoj tuj aktiviĝis komence de la pasinta jarcento kaj ni multe ŝuldas al ili. Ekde la fruaj momentoj, ili ĉiam ludis eminentan kaj signifan rolon en nia movado danke al elstaraj figuroj, kiel la gek-oj Armand BERLANDE, pioniro de E-o kaj fondinto de la internacia agado inter samprofesiuloj; Pierre POLY, kunfondinto de IFEF post la 2a mondmilito; Germaine LEMONNIER, kiu sukcese helpis starigi kaj kreskigi la FISAIC-organizon; André BLONDEAUX, kompilinto de fundamenta fervoja terminaro. Dum ĉi tiuj tagoj ni memoru iliajn sindonajn kaj certe penajn klopodojn faritajn por nia Federacio.

La nuntempajn aktivulojn vi ĉiuj konas. Ili plenmeritas niajn dankojn, ankaŭ pro iliaj gravaj diversmediaj agadoj: ĉe UIC, en FISAIC, en nia estraro, en ĉi tiu manifestacio kaj en multaj aliaj, naciaj kaj internaciaj, kiel dum la centjara Boulogne 2005.

La nunaj LKK-anoj estas homoj spertaj; subite kaj lerte ili planis kaj nun efektivigas ne dubinde ampleksan, fakan, kulturan kaj turisman altkvalitan aranĝon. Nome de nia Federacio mi kore dankas la francajn amikojn pro la preteco akcepti tiujn gravajn taskojn kaj pro la invito partopreni.

Nature, estas bone, ke oni reliefigu la gravan laboron, kiun la esperantistoj faras por la plibonigo de la homaj interrilatoj kaj por pli paca vivo entute, sed estas ankaŭ bone neniam forgesi atentigojn pri la multaj malbonfaroj tra la mondo, kiel milito, terorismo, drogaĉtrafiko, sklavismo, diverstipaj homaj ekspluatadoj.

Kaj eble estas facile, sed ja tio estus samtempe tute supraĵe, alveni al la konkludo, ke la disvastigo de la esperanta ideo povas efiki malmulte kontraŭ tio.

Male, mi opinias, ke vasta uzado de Esperanto permesus multe pli bone kompreni tion, kio okazas tra la mondo (ofte tio ne facile evidentiĝas), kiam oni ekspluatas eĉ nacian lingvon por superregi aliajn popolojn (la lingvo tamen ne kulpas). Dank' al tiu disvastigo kaj uzado oni malkovras, ke nur lingvo supernacie neŭtrala kiel Esperanto povas

doni al ĉiuj homoj la percepton pri la relativeco kaj la limojn de sia propra nacia esprimilo, tro ofte dogme kredigata kiel la nura portanto de superecaj kulturo kaj vivstilo.

Pli malpli devigataj lerni nur la nacian lingvon aŭ nur la plej lastmodan fremdan lingvon, arte montrataj kiel nuraj allogaj kaj profitdonaj, ofte oni scias nenion pri la lingvoj de la najbaroj kaj eĉ pri la minoritataj lingvoj enlandaj.

Tro ofte okazas, ke ĉiu nacio emfazante siajn pozitivajn ecojn kaj volante altrudi sian ideologion al aliaj popoloj, vole nevole, dissemas apartan naciismon. Pri tio atestas politiko kaj eĉ militoj celantaj subpremi popolojn kun malsamaj idiomoj kaj opinioj.

Lernante fremdan lingvon, sen-konscie, oni absorbas la ideologion, la kulturon de la koncerna popolo, sed ĉiu lingva instruo postulanta al si privilegiojn forgesas pri egaleco, digno, demokratio. Nur Esperanto, estante neŭtrala lingvo, kiu ne ligiĝas al tiu aŭ alia nacieco, kapablas esti alportanto de idearo por komprenemo, paco, solidaro. Ĉi-rilate nur ĝi kapablas esti grava edukilo por efektivigi la tutmonde deziratan pacon.

Ne akceptante, ke iu ajn kulturo rajtas stari super la aliaj, ke neniu el ili rajtas altrudi sian ideologion kaj lingvon, la esperantistoj rekonas kaj reliefigas la fratecon de la homoj, kiuj ja ne estas tute samaj, sed tre similaj inter si.

Nur respektante ĉiun lingvon, eĉ la plej minoritatan, nur uzante Esperanton oni povas garantii ilian konservadon. Kiam oni subpremas lingvon ĝis formorto, tiam estingiĝas grava parto de la homara vivo entute.

Kompreneble, ke estas necese aŭ ke oni povas deziri enprofundiĝi en apartan kulturon, fariĝi specialisto pri malnovaj aŭ nuntempaj fremdaj lingvoj, sed ĉiu homo nepre havas la devon kaj devas havi la rajton uzi la familian, la nacian kaj aldone internacian neŭtralan lingvon. Se ne, neniam ĉesos la babela kaoso kaj la neevitebla sekva kultura perforto.

Tute nepridubebele, tute evidente, ni montras la plej bonan manieron internaciskale komuniki, sen tradukaj aparataroj, sen interpretadoj. Inter esperantistoj, oni neniam sentas sin fremdaj, superaj aŭ malsuperaj.

Kun ĝojo mi rigardas al la kongresa semajno kiel al nova okazo por efektivigi kun energio kaj pasio la pridiritajn celojn dum la disvolviĝo de la organizaj kunvenoj, la kunsidoj de la Faka Komisiono, dum la artaj, distraj kaj vizitaj momentoj.

Certe estis en ĉi-tiu spirito, ke niaj antaŭuloj komencis agadi kaj tiele ni devas plu daŭrigi. Ni vivu la kongresan semajnon donante kaj ricevante la maksimuman kunlaboron, profitante por kreski lingve, profesie kaj home. Ni estu kiel eble plej malfermitaj al aliaj vidpunktoj kaj ideoj, tolereme kaj danke.

En ĉi-tiu spirito mi deziras ke en Parizo ĉio estu kiel plej multe morale kaj materiale plensukcesa kaj ke ĉiuj realigu siajn dezirojn.

Per ĉi-tiuj vortoj, mi deklaras la 59-an Kongreson de la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio malfermita.

*Romano BOLOGNESI*
*IFEF-Prezidanto*

# RESUMA JARRAPORTO DE LA LANDAJ ASOCIOJ DE IFEF PRI LA JARO 2006



La landaj asocioj de IFEF, surbaze de la dissendita demandilo, preparis siajn jarraportojn pri la jaro 2006. Nur Serbio kaj Slovakio ne sendis raporton. En la jarfîno 2006 ekzistis 19 landaj asocioj de IFEF, jen: Aŭstrio, Belgio, Bulgario, Ĉeĥio, Ĉinio, Danio, Francio, Germanio, Hispanio, Hungario, Italio, Japanio, Kroatio, Norvegio, Pollando, Rumanio, Serbio, Slovakio, Slovenio. Inter la landaj asocioj, Serbio preskaŭ ne funkcias, ne akceptas la leterojn kaj revuojn, ne reagas al la mesagoj ktp. Slovakio en la antaŭpasinta jaro anoncis sian "novan" staton, kiel "dormanta" landa asocio, do la Slovaka Landa Asocio ne funkcias, malgraŭ tio, ke Slovakio por dek membroj pagis jarkotizon al IFEF.

**l./ La landaj asocioj**

La landaj asocioj raportas pri 2 040 asociaj membroj, kiu nombre estas kun 270 malpli ol en la antaŭa jaro. La malpliiĝo ĉefe koncernas Aŭstrion (117), Ĉinion (100), Ĉeĥion (19), Belgion (16). Mi ankoraŭ kalkulas 50 serbajn kaj 20 slovakajn fervojistajn esperantistojn. Tiuj ciferoj rolas en la antaŭpasintaj jarraportoj de la koncernaj landaj asocioj. Se ni ekzamenas la tendencon de la malkresko de la membro-nombro de fervojistaj esperantistoj, ni povas konstati, ke la lastaj kvin jaroj en ĉiuj jaroj grave malkreskis la membro-nombro:

2002: 2916
2003: 2630
2004: 2618
2005: 2310
2006: 2040

Miaopinie, la kaŭzo de la kontinua malkresko estas, ke grave maljuniĝas la fervojista Esperanto-movado, malboniĝas la ekonomia situacio ĉefe en Eŭropo, rapide ŝanĝiĝas la fervojaj organizoj, malkreskas la nombro de fervojistoj, disvastiĝas la angla lingvo sur ĉiu tereno de la vivo, kaj mankas gejunuloj inter la esperantistoj.

Laŭ la raportoj, IFEF nombras - kune kun la individuaj membroj - 681 membrojn, tio signifas 37 malpli ol en la antaŭa jaro. La malpliiĝo koncernas Aŭstrion (18), Slovakion (10), Ĉinion (7), Italion (5), Japanion (5), sed Francio nombras 10 personoj pli.

Se ni komparas la membro-nombron de IFEF kun la pasintaj jaroj, jen la rezulto:

. 2002: 907
2003: 850
2004: 793
2005: 718
2006: 681

Tio estas malgaja tendenco. La Danoj pagis jarkotizon por 60 personoj anstataŭ 46, pro tio estas diferenco inter la cifero de la kasisto kaj mia

raporto.

La raportoj el la plena asocia membraro indikas preskaŭ 70%-ojn da emeritoj, kaj en multaj landoj tiu indiko atingas 90%-ojn, kiel ekzemple en Aŭstrio, Germanio, Italio, Katalunio, Norvegio.

El la tuta membraro, 253 estas nefervojistoj. La nombro de la memstaraj grupoj estas 72.

*1.1* **Taskoj de la landaj asocioj**

Dek landaj asocioj laboras laŭ laborplanoj indikitaj de IFEF.

Dekunu landaj asocioj kolektas indikojn pri la historio de la landa fervojista Esperanto-movado, kaj ili konservas historiajn heredaĵojn. Pro la centjariĝo de la fervojista Esperanto-movado en la jaro 2009, tiu laboro estas ege grava afero, ĉar laŭ tiuj indikoj kaj materialoj ni povos pretigi centjaran historion de nia movado. Mi denove proponas al la landaj asocioj -ĉefe al tiuj, kiuj ankoraŭ ne faras tiun taskon - bonvolu kolekti la okazintaĵojn, por ke la historio de la fervojista Esperanto-movado kaj IFEF estu kompleta.

**3./ Interrilatoj kun instancoj kaj aŭtoritatoj**

Dekdu landaj asocioj raportas pri interrilatoj kun la fervojo. El ili sep asocioj ricevis aŭ financan subtenon, aŭ senpagan bileton por oficiale vojaĝi al la kongresoj kaj ceteraj Esperanto-eventoj, eĉ kelkaj landaj asocioj senpage ricevas specialan ejon por kunveni.

Bedaŭrinde neniu fervojo aperigis la klarigan tekston en Esperanto en la horarlibro.

Ok landoj kontaktas kun sindikatoj, inter ili Ĉinio kaj Germanio ricevis financan apogon de la sindikatoj.

Dekdu landaj asocioj havas rilaton kun la landa FISAIC-sekcio, sed inter ili nur sep asocioj ricevis financan apogon au alian helpon. Kvin landaj asocioj havas oficon en la FISAIC organizaĵoj.

Preskaŭ ĉiuj landaj asocioj havas kontaktojn kun libertempaj, kulturflegantaj, artaj, sportaj kaj religiaj organizoj. En kelkaj landoj la fervojistaj esperantistoj ludas gvidan rolon en tiuj organizoj.

***4.*** **Organizado de jarkunvenoj kaj aliaj renkontiĝoj**

En dekkvin landoj, okazis jarkunveno; eĉ en Ĉinio kaj Hungario oni aranĝis tion dufoje. Entute 580 partoprenantoj ĉeestis la jarkunvenojn. Ses landaj asocioj raportas pri eksterlandaj gastoj, entute ili nombras 42. Preskaŭ en ĉiuj jarkunvenoj okazis fakprelegoj; krome, ok landoj samtempe organizis distrajn kaj ekskursajn programojn.

En la jaro 2007 nur en Aŭstrio, Belgio kaj Italio ne okazos jarkunveno.

En kvin landoj, oni aranĝis memstaran fervojistan aŭ komunan internacian Esperanto-renkontiĝon.

**5. Interrilatoj kun Esperanto-organizoj;**

Laŭ la raportoj, ĉiuj landaj asocioj havas interrilatojn kun sialanda asocio de UEA, eĉ en kelkaj landoj la fervojistaj esperantistoj agadas kiel estraranoj de tiu. Entute, en kvin landoj ekzistas SAT organizaĵo, kun kiu la fervojistaj esperantistoj interrilatas.

Dekkvin landaj asocioj havas bonan interrilaton kun aliaj Esperanto-organizaĵoj.

En Hispanio, Kroatio kaj Pollando ne ekzistas fakdelegito de UEA. Entute 52 fakdelegitoj helpas la agadon de UEA flanke de la fervojistoj.

**6. Informado en la plej vasta senco**

Dekdu landaj asocioj informis en propra medio la publikon pri Esperanto-eventoj, movadaj aktualajoj pere de fervojista gazeto kaj aliaj fakaj kaj publikaj regionaj ĵurnaloj.

Ĉeĥio, Danio, Francio, Hungario kaj Slovenio aranĝis ekspoziciojn, kiujn plurmiloj vizitis. Iliaj temoj varie estis la movada historio kaj vivo, instruado, fotoj kaj pentraĵoj eĉ skulptaĵoj ĉefe pri famaj esperantistoj kaj Esperanto-eventoj.

En dek landoj, oni plenumis kromajn aktivecojn pere de flugfolioj, afiŝoj, sonbendoj, diskoj, retpaĝoj ktp. Dektri landaj asocioj instigis artikolojn en gazetoj pri Esperanto.

Sep landaj asocioj raportas pri faritaj fakprelegoj kaj fakartikoloj. En Ĉeĥio, dum du konferencoj, okazis fakprelego. La Ĉinoj faris prelegojn pri fervojaj aferoj en la 58-a IFEF-kongreso kaj en kelkaj lokoj post la kongreso. La Danoj, Hungaroj, Kroatoj dum la klubkunvenoj, la Germanoj dum la GEA-kongreso kaj la klubejoj faris fakprelegojn pri IFEF kaj pri fervojfakaj aferoj. En Pollando okazis du fakprelegoj dum la landa kongreso pri fervojaj novaĵoj.

7. **Instruado**

Laŭ la raportoj, dektri landaj asocioj aranĝis entute 36 lingvokursojn kun pli ol 370 kursanoj. La plej granda nombro de la kursanoj estis en Ĉinio (80), Francio (76), Hungario (62), Rumanio (37), Danio (29) kaj Pollando (19).

La lingvokursoj estis memstaraj en naŭ landoj, kaj kvar landoj aranĝis tion komune kun la landa Esperanto-asocio kaj kun aliaj Esperanto-organizoj.

8. **Junulara agado**

Naŭ landaj asocioj raportas pri 144 junaj membroj (ĝis 30 jaraĝo) el la tutaj asociaj membroj.

Tio reprezentas 7%-ojn. Kompare kun la pasinta jaro, kiam nombro estis 218; ni ricevas malgajan rezulton. En Ĉinio ili estis 76 (en 2005: 150), en Hungario 50 (en 2005:55).

Memstara junulgrupo ne ekzistas.

El la jarraportoj mi faras la konkludon, ke la landaj asocioj nur surface okupiĝas pri la junularo, la raportoj ne radias fortan volon kaj penadon pri tiu ĉi labortereno. Multaj raportoj enhavas plendon pro tio, estas skribite, ke akiri novajn membrojn el la junularo estas "senespera afero". Vane ni aranĝas pli allogajn programojn, kongresojn, klubkunvenojn, kaj ni popularigas Esperanton pere de organoj, afiŝoj, murgazetoj kaj aliaj medioj, la gejunuloj ne venas, kaj ne interesiĝas pri Esperanto. Do mi devas konstati, ke la fervojista Esperanto-movado rapide maljuniĝas, kaj sen nova generacio ni ne havos estonton.

**9. Landaj organoj**

Dekunu landaj asocioj eldonas propran organon. En Ĉinio, Danio kaj Francio sesfoje, en Bulgario, Germanio, Hispanio, Hungario, kaj Pollando kvarfoje, en Aŭstrio trifoje, en Italio

kaj Norvegio dufoje jare aperas la landa organo. La nombro de la jaraj paĝoj estas 616, laŭlande ĝi varias inter 12 kaj 80. Bulgario, Danio kaj Hungario eldonas ĝin nur en Esperanto.

Bedaŭrinde Japanio kaj Rumanio jam ne eldonas propran organon.

Dekdu landaj asocioj havas spacon en aliaj organoj.

**10./ Faka agado .**

Dek landaj asocioj raportas pri la agado en la terminara laboro. La aktiveco ne malkreskis, eĉ multaj terminŝanĝoj okazis surbaze de la tradukitaj difinoj. La kunlaboro kun la nova UIC-oficistino estas rezultohava, ĉar 837 tradukitajn Esperanto-difinojn oni enigis en la datumbanko de UIC, aldone al la listo de trovitaj datumbankaj problemoj. Ĉefe la Germanoj laboras aktive sur tiu tereno. Ankaŭ estas granda rezulto en 2006, ke la japanoj pretigis kaj eldonis novan vortaron Esperanto-Japana.

Naŭ jarraportoj mencias pri faka aktiveco, pri verkado kaj traduko de fakaj tekstoj kaj materialoj.

**11./Ekonomio**

Laû la jarraportoj, la ekonomia situacio ĝenerale similas al la antaŭaj jaroj. En kelkaj landoj, nur la subvencioj, la enpagitaj jarkotizoj kaj la reduktoj de la elspezoj povas ekvilibrigi la financan staton. En Ĉeĥio, Danio, Francio, Germanio, Hungario, Japanio, Kroatio kaj Pollando, la ekonomia situacio kaj la financa stato estas sufiĉe bona kaj kontentiga.

**12./ Fina komentario**

Preskaŭ ĉiuj landaj asocioj informis pri la ĝenerala situacio de la fervojista Esperanto-movado. La plej gravaj problemoj estas la senrezulta klopodo por varbi novajn membrojn, la maljuniĝo de la membraro, kaj la manko de gejunuloj.

En kelkaj landoj la fervojista Esperanto-movado preskaŭ ĉesas. Serbio, Slovakio, Slovenio, Belgio troviĝas en pli malbonaj situacioj.

Kelkaj jarraportoj enhavas proponojn por plibonigi la laborojn de IFEF kaj de la landaj asocioj. Ĉefe la ĉina kaj la hungara proponoj estas konsiderindaj. La estraro de IFEF ekzamenos tiujn proponojn, kaj klopodos pripensi kaj efektivigi tiujn. Mi dankas pro la konsiloj kaj proponoj.

Legante la jarraportojn, parolante kun enlandaj kaj eksterlandaj esperantistoj, partoprenante en Esperanto-kongresoj, konferencoj, renkontiĝoj mi opinias, ke apud la multaj malfacilaĵoj, ni havas esperigajn eblecojn kaj planojn. Do ek al la laboro, kaj ni povu efektivigi tiujn esperigajn planojn, ĉefe por la centjariĝo de la fervojista Esperanto-movado.

Budapest, la 3-an de majo 2007.

*István Gulyás*
*vicprezidanto de IFEF.*

# Raporto de la ĉefkomitatano

En la interkongresa periodo, mi partoprenis du estrarkunvenojn de IFEF; la Aŭtunan en septembro 2006 en Arnoldstein (Aŭstrio) kaj la Printempan fine de marto/komence de aprilo 2007 en Trieste (Italio). Ni traktis plenumadon de la plano kaj taskoj kaj solvis diversajn problemojn kunlige kun la agado de nia Federacio.

Mi krome partoprenis kelkajn aranĝojn organizitajn de l.a. de IFEF, ekz. en Aŭstrio, Pollando kaj Hungario kaj Fervojistan Tagon dum la UK en Florenco cele al kontakti la membraron kaj plibonigi kunlaboron kun ili.

Laŭ sugestoj de la estraranoj, mi preparis kaj forsendis Cirkuleron, en kiu mi krom alia, atentigis pri la ĉijara estrarelekto, pri kongresproponoj. Mi informis pri kompilado de nia historio, malfermo de Historia Fonduso kaj aldonis kelkajn alvokojn. Krome, estis aldonita modifita Demandilo por ellabori Jarraportojn 2006. La dokumentoj estis senditaj al la estraranoj kaj pere de landaj asocioj al la komitatanoj, eĉ al kontaktuloj en landoj kie IFEF, nuntempe, ne havas funkciantan landan asocion. Entute, venis Jarraportoj el 17 landoj. Malgraŭ denova peto, ne sendis ĝin Serbio. Slovakio sendis klarigon.

Mi instigas ĉiujn landajn asociojn kaj ripetos tion en mia estonta cirkulero; ke rete, senditaj jarraportoj oni sendu samtempe al ĉiuj estraranoj kaj al la ĉefkomitatano. Se ne eblas rete, tiam sendu al Vp kaj Ĉk kaj almenaŭ adresaron de la funkciuloj ankaŭ al Ks, kiu ĝisdatigos la IFEF Adresaron (tiuokaze, ne atendu finon de la jaro aŭ limtempon).

Mi daŭrigis kontaktojn kun individuaj membroj kaj kontaktuloj en aliaj landoj kiel Nederlando, Svisio, Rusio. Mi kunlaboris sendante raportojn kaj informojn al diverslandaj E-gazetoj kaj redakcioj de la radiaj E-elsendoj, ekz. al la Ĉina Radio Internacia, kiu elsendis ilin kaj aperigis resumojn en sia bulteno "*Mikrofone*". Mi strebos daŭrigi tiun ĉi informan kaj varbcelan agadon.

Mi kore dankas al la estraranoj, al anstataŭantino de la Ĉk sinjorino Rodica Todor, al la komitatanoj kaj al ĉiuj aliaj, kiuj kunlaboris kaj helpis min plenumi miajn taskojn.

Mi ĝoje kaj danke akceptos ĉiun proponon kaj sugeston cele al plibonigi mian agadon kaj tiun de nia Federacio!

*Parizo, la 15-an de majo 2007*

*Ĉk Jindřich Tomíšek*

# Korekto

Korekto en la raporto de la kasisto por la jaro 2006 (aperinta en IF 2007.2).

En la membro-stato por la jaro 2006, en la linio pri individuaj membroj mankas FI. Oni legu : "12 membroj (5 CH + FI + 6 NL)".

La kasisto petas pardonon de Yrjö HILTUNEN (FI) kaj dankas Walter ULLMANN pro la atentigo.

# Provo-veturo inter Norda kaj Suda Koreo

Munsan (dpa). En plia paŝo de la alproksimiĝo de Suda kaj Norda Koreo, ekfunkciis, unuafoje ekde la interfrata milito antaŭ pli ol 50 jaroj, prove, du limtranspasantaj fervojaj linioj.

La historiaj trajno-provo-veturoj okazis ĵaŭdon (= 17. 05. 07), sur linioj tra unu koridoro en la okcidenta kaj orienta partoj de la rigore gardita limzono inter ambaŭ landoj.

La nun rekonstruitaj linioj estis interrompitaj komence de la korea milito (1950 - 1953). Kiam efektive denove ekfunkcios regula fervoja trafiko? Ni ankoraŭ ne scias.



Nordkorea trajnestro mansvingas al siaj sudkoreaj kolegoj en Jejin).

Por Suda Koreo estis la nuntempaj unuaj provo-veturoj, tamen tiu evento reprezentas grandan simbolan signifon por la rilatoj al la komunisma najbarlando.

***"La evento estas la komenciĝo de nova erao de paco kaj reunuiĝo por ambaŭ landoj"***, diris la ministro por la unuiĝo Lee Jae Joung en solena ceremonio antaŭ la ekveturo de unu trajno el la stacio en la limproksima sudkorea urbo Munsan.

*Teksto el "Wetterauer Zeitung" de la 18.05.2007.*

*Traduko: Walter Ullmann, Germanio.*

P.S. Vidu pri la temo la artikolojn en IF 6/1994 kaj 6/2000.

**GEFA** **Germana Esperanta Fervojista-Asocio**

# Produktado kaj muntado de memortabulo ĉe la stacidomo *Herzberg am Harz*, la Esperanto-urbo je la memoro de *Joachim Gießner*



**Estimataj amikoj kaj konatuloj de *Joachim Gießner*.**

Je memoro al la konata, longjara GEFA- kaj IFEF-prezidanto, *Joachim Gießner*, multmerita civitano de la urbo *Herzberg am Harz,* la Esperanto-urbo, la urbo-koncilantaro kaj ni deziris starigi memortabulon ĉe la stacidomo *Herzberg am Harz.*

Tiu memortabulo estas nun starigita kaj la oficiala inaŭguro okazis la 30-an de junio 2007.

*Joachim Gießner*, la neforgesebla, en multaj landoj konata kaj ŝatata, longjara prezidanto de la "Germana Esperanta Fervojista-Asocio" (GEFA) kaj de la "Internacia Fervojista Esperanto-Federacio" (IFEF), vivis kaj laboris 40 jarojn ĝis sia morto en tiu urbo, kiu nun nomiĝas "La Esperanto-urbo". Li batalis senripoze per helpo de Esperanto, por la reciproka interkompreniĝo de homoj el diversaj landoj.

Liaj tradukoj en Esperanton estas legendoj. Escepte tradukoj de fervojaj instrukcioj, li tradukis pli ol 400 kantojn el ĉiuj muzikdirektoj, el operoj, operetoj kaj popolkantoj. Li organizis multnombrajn naciajn kaj internaciajn kongresojn kaj renkontojn.

Rompus la limon de tiu ĉi letero se oni nombrus ĉiujn liajn meritojn.

Ĉio postulas monon.. Ankaŭ la memortabulo. Por ni, kiuj konis *Achim Gießner,* estas honoro kontribui per malgranda sumo al tiuj kostoj.

Ni dankas vin anticipe.

laŭ komisio: subskribo:
Rolf Terjung Achim Meinel, GEFA-prezidanto

***Konto:***
Rolf Terjung, Konto n-ro: 200316463, Bankkodo: 36060591,
Banko: Sparda-Bank West
Por Eŭro-landoj: IBAN: DE09 3606 0591 0200 3164 63, BIC: GENODED1SPE

## Gratulojn

Dankesprimo fare de la urbestro en Linz d-ro Franz Dobusĉ al **Johann Geroldinger** por lia klopodo inter la jaroj 1960/1965 por starigi la unuan E. momumenton.




*Jen la poŝtmarko*

Ĉar tiu unua simbolo estis detruita pro modernigo de la loko, denove nia amiko klopodis por ke la E.-monumento estu rekonstruota.

*Ĉar li sukcesis, 300 postmarkoj tiaj estis presitaj.*

## Internacia Fervojista Esperanto-kongreso en Parizo

***Salutvortoj de s-ano D. Gaines***

Saluton geamikoj

Mi esperas ke ĉi-tiu mesaĝo ne alvenos post via kongreso kaj pardonpetas la malfruon. Kun plezuro mi sendas al vi bondezirojn el Usono al niaj fervojistaj gefratoj, dumlongtempaj apogantoj de la Esperanto-Movado.

Sukcesplenan kaj feliĉan kongreson en la Esperanto-muziko-komunomo deziras **D-ro David Gaines**

Komponisto
Honora Prezidanto,
Muzika Esperanto-Ligo Usono
Retadreso : DaveGaines@aol.com

*************************************************

## Aldonaĵo

En paĝo 56 de la lasta numero de IF-o, s-ro YAMAMOTO verkis artikolon, kies titolo estis "***Trafikoj en Japanio***".

Li deziras aldoni plian precizigon pri mortinto / vundito ĉe la pasaĝeroj okazinta de la fervojo. En la lastaj linioj de la unua paragrafo, li asertis ke:"*ĉe la fervojo ĝis nun neniu estis mortinto/ vundito".*

Postvenis informo al s-ro YAMAMOTO sciigante al li la jenan komunikon, kiun li deziras aldoni.

*"Escepte de unu kurioza morto-akcidento pri iu lernanto-pasaĝero, kiu provis reveni al la vagono post eta halt-tempo en stacio kaj havis la fingrojn premitajn de la pordo en 1995".*

## *Ĉeĥa lokomotivo 498022*



Ĉeĥa lokomotivo
*"498022 Albatroso"*
fotita de Ptr Ŝimák.

Laŭdire, ĝi estas la plej bela lokomotivo en la mondo.

*(Raportis Ladislav Hakl)*

# Linuxa staĝo en Grezijono





Praktika seminario pri enpaĝigo kaj linukso (eĉ por komencantoj) okazos en Grezijono de la 11-a ĝis la 18-a de aŭgusto 2007.

*Ĝi estos gvidata de Dominique BERTRAND. Interesuloj, bonvolu sin turni al la retejo: http://gresillon.org*

*Fervoja Koresponda Servo*
S-ro Dan-Dragos ALDEA
Sos. Nicolai Titulescu 14, B1 21, Ap 69
RO-78152 Bucuresti
Retadreso: esperdragos@yahoo.com
*Se vi deziras uzi la servon, bonvolu indiki viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)ojn, kaj pri kiaj temoj ktp. Aldonu, se eble, internacian respondkuponon.*

**INTERNACIA FERVOJISTO**
*59-a eldonjaro*

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de **Internacia fervojista Esperanto-Federacio**

**Prezidanto:** Romano Bolognesi
Via Misa 4
IT-40139 Bologna, Italio
"co16919@iperbole.bologna.it"

**Vicprezidanto:** István Gulyás
Rákos u 98
HU-1155 Budapest, Hungario
"kozsu13@freemail.hu"

**Sekretario:** Marica Brletić
Peruanska 12
HR-10090 Zagreb
"marica.brletic@hznet.hr"

**Kasisto:** Laurent Vignaud
3 Allée du Haras, App 132
FR-49100 Angers
Tel: +33 (0)2 41 20 19 40
"laurent.vignaud@free.fr"

**Redaktoro**: Jean Ripoche
6 rue des Platanes
FR-72230 Arnage - France
Tel/fakso + 33 (0)2 43 21 16 39
"jeanripoche@wanadoo.fr"

**Franca poŝtĉekkonto:**
**Atentu:**
Ĉekoj aŭ ĝiroj al **"Laurent Vignaud"**
**9 293 74 Y NANTES**
(ĝirante el eksterlando, aldonu 2 eŭrojn pli por bankelspezoj)
IBAN:
FR3320041010110929374Y03237
BIC-kodo: PSSTFRPPNTE

**UEA-konto:** iffk-o

**Apermonatoj:**
Januaro, marto, majo, julio, Septembro, novembro.

**Redaktofino:**
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato

**Presejo:**
Generaldirekcio de MAV
Andrássy ùt 73/75
HU-1062 Budapest, Hungario

**"www.ifef.net"**
ISSN 1397-4270
VIG 2003.494

**Faka komisiono**
GV: Jan Niemann
"niemann@kabelmail.dk"
SK: D-ro Heinz Hoffmann
"Hoffmann-IFEF@t-online.de"
SK: Inĝ Ladislav Kovář
"ladislav.kovar@worldonline.cz "